II Jaro. XIX Num. 1918 Julio.—Madrido



ILUSTRITA REVUO MONATA

OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



S RO. DAMIAN ROSIQUE

OFICISTO DE LA MARARMEO.—PREZIDANTO DE CARTAGENA GRUPO

# Poemo de Muley Hafid

I

Kiam mi estis en la valo, mi avide rigardis la suprojn; mia ambicio saltis ĝis la horizonto kaj deziregis veni en la grandecon kaj starigi renversitaĵojn.

—

Tage kaj nokte, aglo penis ekflugi el mia koro, kaj resti en la altaĵo.

—

Kaj jen, hodiaŭ mi suprenrampis la montaron, kaj ankoraŭ mia ambicio altiĝas ĝis la horizonto, ne trovante celon, ne trovante ian limon.

—

La suproj ankaŭ estas faritaj el tero, kaj la uragano estas pli amiko de la altegaj montoj, ol de la humilaj kaj florigitaj valoj kaj dolĉaj altanetoj.

—

De mia kapturniga kaj altega ŝtonobservejo mi vidas humiligitajn kapojn, mi aŭdas riverencajn frazojn, mia rigardo maltrankviligas la popolamasojn.

—

Miaj piedoj staras tre alte, tiel alte, ke mia mano ne trovas amikan manon, kiun ĝi povus preni kore, nek miaj okuloj povas penetri en aliajn okulojn.

—

Mi staras tiel alte, ke, por paroli al la homoj, mi bezonas parolojn de uragano, kaj por lumigi ilin, mi bezonas fulmon.

—

Sed jen, meze la soleco, mia memoro kaj la nokto portas en min amatajn fantomojn; jen, la rememoro kaj dolĉaj memoraĵoj adiaŭas la mallumojn.

II

*La poeto elvokas la amon de Aneisa, kaj ploras ke li perdis ŝin.*

Multaj viroj estis martiroj, kiel mi, pro la blankeco de kolo, pro la rozoj de l'vangoj, kaj pro la rigardoj de gazelo.

—

Mi ĵuris min dediĉi al kuraĝaj entreprenoj; mi ĵuris ne fali en aman reton, nek en tiun de la volupto. Sed miaj ĵuroj dronis en ŝia rigardo.

—

Ŝia rigardo estas por mia estinteco kiel la fajro en la marokaj vilaĝaĉoj dum la vintro.

—

En la ĉielo brilas la steloj.

Kaj la fulmado de ilia brilo ŝajnas esti tiu de ŝiaj okuloj kiam en la nokta ombro ŝi esploras siajn ĉirkaŭaĵojn timante pro ebla surprizo.

—

Kaj jen mi ŝin perdis.

Ŝia voĉo jam nur sonas al mia orelo kvazaŭ la eĥo de mia juneco, kvazaŭ la allogo, la ĝemeto de la liberaj jaroj.

—

Mi plorpetas al la sonĝo, kvankam mi ĝin ne havas, ke ŝi venu al mi, por ke mi vidu ŝin dum miaj sonĝoj.

—

Nun la noktoj estas longaj por mi, tiel longaj, ke mi estas laca.—Mi alitempe konis mallongajn noktojn.—Sed mi malamas la sunon, kiu jam ne orumas ŝian haŭton ambran, kaj mi vokas la lunon, kiu perlokolorigas ŝian bildon.

—

Ŝi estis luno, kies horizonto estis mia koro. Ŝi estis gazelo, kiu kuris tra la ebenaĵoj de miaj okuloj.

—

Ŝiaj okuloj havis la malgajan, fidelan kaj misteran rigardon de miaj paciencaj kameloj, kaj neniam ŝiaj manoj estis ŝparemaj rilate al mia doloro kaj amo.

—

Ĉiuj *Suraja'oj* (stelaro) rifuĝis en mian koron kiam nokte mi saltis trans la termureton de ŝia kabano.

—

Kaj, ĝis la tagiĝo, ŝia brusto estis kvazaŭ du tendoj blankaj, sub kies ombro ripozis kontentaj miaj okuloj.

—

Kia dolĉeco estis, post la somera milit-ekskurso, ripozigi la frunton en ŝian brust-on bonodorantan je santala kaj moska parfumoj malproksime de ĉia milita rebruego.

—

Hodiaŭ mi ne havas bruston, kien ripozigi mian frunton. Mia rememoro pri ŝi plenigas je dornoj mian kapkusenon.

—

Kiam la nokto gvidas la brutaron de l'dormemo en ĉiujn okulojn, ŝi venas en mian animon, kaj ŝia bildo, kiel amata kaj maloportuna tambureto, elpelas el mi la dormon ĝis la tagiĝo.

—

Kaj mi pensas pri ŝia vizaĝo, pri tiu ĝardeno, en kiu mia rigardo rikoltis la rozkolorajn rozojn de ŝiaj vangoj, kaj la blankajn rozojn de ŝia frunto pli blanka, ol la faruno.

*(Daŭrigota)*

# EN LA ĜARDENO DE LA VIVO...

En la granda ĝardeno de la vivo
troviĝis bela floro,
mi volus ĝin elpreni kaj kumporti
ĝin apud mia koro.

Kiam mi ĝin rigardis, ĝi kliniĝis
kareseme al mi.
Ha! floreto la bela kaj la juna!
kio estas al vi?

Ĉar vi jus malfermiĝis, vi longtempe
ĝuos tian edenon,
sed mi kredeble baldaŭ kaj ne vole
forlasos la ĝardenon.

Tial mi ne kuraĝos vin eltiri,
rabi vin al l'arbeto,
ĉar nepre kaj al ĉiu ve! sin trudas
de l'Fatal' la dekreto.

Sed kiam la pordegon de l'ĝardeno
mi trapasos por ĉiam,
rememoru pri mi, floreto bela!
kaj pri mi pensu iam.

Kaj se vi sentas tian saman senton
kiel mi ĉe la koro,
estu la gut' de l'roso dolĉa larmo
de via rememoro.

*Rafael de San Millán*

# PRI SEVILLA

La ĉefa monumento el Sevilla estas la Alcazar'o (Alkazar). Alta, masiva kaj kronita de surturetoj, remparo ĉirkaŭas ĝin, kun masivaj turoj flankigantaj, en iuj el kiuj spertaj arĥeologiistoj trovis restaĵojn de maŭra konstruarto. Don Pedro I[a] de Kastilujo rekonstruis la palacon de 1353 ĝis 1364 kaj oni daŭrigis la konstruaĵon dum sekvantaj regadoj. Multenombraj arabaj artistoj el Granada kaj mudeĥaraj artistoj ĝin konstruis.

El la enirejoj, kiujn havis la Alcazar'o dum la tempo de Don Pedro, la ĉefaj estas tiuj de la antikva remparo araba, tra kiuj oni eniras en la kortoj *Banderas* kaj *Monteria.* La eksteraĵo ne montras la mirigantajn belaĵojn de la internaĵo.

La enirejo de la salono de *Justicia* (Justeco) malfermiĝas ĉe la korto *Monteria.* Ĉi tiu salono, unu el plej antikvaj konstruaĵoj, kie la reĝoj *almohades* administris justecon, estas basta kaj bela. De tiu korto oni aliras al *Grande,* en kiu staras la ĉefa fasado, kies portalo estas la plej admirinda, kiun oni povas rigardadi. Riĉa je ornamaĵoj kaj ampleksoj; kolonoj el belegaj marmoroj kaj ĉiaj ornamaĵoj arabaj riĉiĝas kaj beligas ĉi tiun portalon sur kiu oni legas la jenan murgravuraĵon tipgotikan: «La plej altranga, kaj plej nobela, kaj plej povega, kaj plej almilitanta Don Pedro, pro la favoro de Dio Reĝo de Kastilujo kaj Leonlando, ordonis konstrui ĉi tiun palacon kaj ĉi tiujn portalojn, kiujn oni faris je la jaro milkvarcentdu.»

Gracia arkaro staras flanken je tiu mirig-anta portalo, kaj sur ĝi ankaŭ staras pira-

mida kupolo ornamita belege per arketoj kaj emajlitaj brikoj, finiĝanta per orumita sfero.

Tra la ĉefa pordo oni aliras al mallarĝa vestiblo, malfeliĉe rekonstruita, kaj maldekstren estas koridoro, en kiu oni malkaŝis ŝtuparon sur kiu estas araba skribaĵo laŭdanta la reĝon Don Pedro. Ĉe la fino de la koridoro estas elirejo al la belega kaj majesta korto de la *Doncellas* (Virgulinoj), arbitre tiel nomata.

La Korto de la *Muñecas* (Pupoj), rektangula, kun miriganta galerio konsistanta el 24 arkoj akrigitaj kaj elegantaj, pli altaj la centraj el ĉiu flanko. La ornamaĵoj estas mirindaj kaj prezentiĝas al la vizitanto tiel ke la korto ŝajnas pli revo de fantazio ol realaĵo.

Jonia arkaro staras sur tiuj 24 arkoj mirigantaj. Tri el kvar grandaj arkoj centraj estas enirejoj al salonoj *Embajadores*, *Carlos V*[a], kaj Dormejo de la Maŭraj Reĝoj. La kvara staras ĉe loko nomita *Trono del Tributo* (Trono de la Imposto). La dormoĉambro de la Maŭraj Reĝoj estas antaŭĉambro de ĉambreto en kiu oni povas admiri arkon kies maldekstra fosto staras sur bazo belega kaj interesiga je stilo arabrenesanca. La Korto *de las Muñecas* estas juvelo admirinda de kiu oni aliras al la salono de *Armas;* kaj de tiu ĉi salono jam oni povas admiri la belegan plafonon de la ĉambrego nomita tiel *del Techo de Felipe II*[a] tial ke ĉi tiu Reĝo ordonis konstrui la plafonon. Kiam la vizitanto alvenas al la centro de tiu salono, mirigas lin la egega mirindaĵo kiun prezentas la perspektivo de la salono *de Embajadores*, kvadrata, kun miriganta vestiblo po ĉiu flanko, unu el ili estas la belega arkadaro de la korto, kaj ĉiu enirejo de la vestibloj al la salono konsistas el tri arkoj graciaj kaj belegaj je la plej perfekta stilo araba, enfermitaj ĉe alia je amplek-a ogivo, siavice enkadrigita ĉe kadro kun miriganta ornamaĵo je la plej belega stilo maŭrida de la XIV[a] jarcento. La *ajaracas (aĥarakoj)* kaj *almocarabes (almokaraboj)* (1) pentritaj kaj ornamitaj; la *alfarjes (Alfarĥoj)* (2) formantaj jen plataĵojn, jen sferonojn, jen poliedrojn, sur kiuj la lumo, la ombro kaj la lumradioj ludas; la surgravuraĵoj el afrikaj skribtipoj; la riĉaj pordoj *taraceadas* (3) kaj borderitaj je arabaj kaj *aljamiadas (alĥamiadaj)* (4), belega faritaĵo de artistoj de Toledo; la kolonoj el variaj marmoroj kaj el multkoloraŝtono; la ravanta ĉizitaĵo de la kapiteloj arabaj kaj maŭridaj; la brilantaj *alizares* (frisoj) de la piedestaloj; la belegaj vejnitaj marmoroj de la pavimoj; la ravanta ornamaro kuniganta harmonie kvin malsamajn artostilojn, araba, *almohade* (5), *granada (el Granado*, hispana urbo fama pro la *Alhambra*, lasta almilitita ĉefurbo al la araboj), gotika kaj renesanca, formás tuton nepriskribebla.

Sur la loko en kiu staris la palaco de la amantino de Don Pedro I[a], la katolikaj Reĝoj starigis preĝejeton kiu atentigis famajn kaj spertajn arĥeologiistojn hispanajn kaj fremdajn. Oni finis ĝin konstrui je 1503. Ĝiaj emajlitaj brikoj estas studindaj, kaj ĝia ornamaro estas belega kaj delikate farita, montrante la perfektecon atingitan de

---

(1) *Aĥarakoj* (el araba lingvo)=bantoj. Almokaraboj=plektaĵo el rubandoj. La araboj ŝajnigis bantojn kaj plektaĵojn el rubandoj ĉe la ligno el la plafonoj.

(2) *Alfarĥoj* (el araba lingvo) estas plafonoj el ligno skulptita arte de la araboj, uzita de la arĥitekturistoj arabaj.

(3) *Taracear (taracei* esperantigita) estas tabuletalmeti aŭ metalfadenetalmeti en ligno aŭ metaloj perlamoton, belajn lignojn, oron, arĝenton k. c.; ĉi tiu laboro estas belega kaj tre arta, kiun oni ankoraŭ daŭrigas en Toledo kaj Eibar, kies fabrikitaĵoj estas mondfamaj super ĉio tiuj faritaj el ŝtalo kun oraj kaj arĝentaj fadenetoj almetitaj.

(4) *Alĥamio* (esperantigita)=lingvo uzita de la maŭridoj hispanaj, kaj eĉ nun de la hebreoj kaj eĉ je 1887 oni eldonis en Constantinoplo-Galata ĵurnalon *alĥamie*, nomita *La Radio de Lumo*. La hispanajn skribaĵojn skulptitaj arabtipe oni nomis *alĥamiadas*.

(5) Dinastio mahometana kiu fondis imperion disvastiĝanta tra Afriko kaj Hispanujo.



ALCAZAR' KORTO DE LA «DONCELLAS».—SEVILLA

la hispanaj artistoj kombinante sperte la stilojn, kaj kiel influis ilin la tendencoj italaj kaj flamandaj.

Estas admirinda la vestiblon *Apeadero*, larĝa kaj longa portiko kun kolonoj duope starantaj.

En la ĝardenoj staras la pavilono de l'*Leon*, kiun starigis Karolo V^a^ kaj kiun konstruis Juan Hernandez je 1540, laŭ arabitala stilo; kaj ĝi aperas al la vizitanto kvazaŭ inda loĝejo de ensorĉanta princino.

*Julio Mangada Rosenörn*

# Granda Aprila Foiro en Sevilla

Kia veteraĉo. Hodiaŭ la 18^a^ de aprilo kaj la vetero estas abomena. Aŭskultu amiko, pluvas kaj ni volas viziti la foiron. Bone, ne grave, eĉ se falus la aeroplanoj sur nin, ni devas ĝin vidi, ĉar tiu spektaklo valoras pli ol unu vojaĝo ĉirkaŭ la mondo. Mi jam ne kontraŭdiras. Ni iru tuj... Kia malfeliĉo eĉ la tramveturiloj estas plenegaj kaj ni devas iri piede. Sajnas al mi, ke via pluvombrelo estas disŝirita ĉar mi estas tute malseka. Ne amiko, tio ne ŝajnas al vi, ĝi estas simpla vero, sed pro la respekto al iu sinjoro kiu ĝin antaŭ kvin jaroj forĵetis, mi ĝin portas kiel memoraĵon, cetere mi havas unu novan ĉe ombrelvendisto, sed mi ĝin ankoraŭ ne aĉetis ĉar mia monujo estas ftiza.

Jen rigardu kiaj belaĵoj, kvankam oni diris, ke pro la milito nia foiro ne estos tiel brila tamen ĝi superas ĉiujn antaŭajn jarojn. Ne forgesu ke en Sevillo neniam mankas gajeco kaj popolfestoj. Oh! kiom da belaĵoj kaj precipe, kiom da belulinoj estas tie ĉi. Ĉu vi ne rimarkis tion, ke la ĉarmaj Andaluzianinoj en siaj koloriĉaj kostumoj ne timas eĉ la plejmalbonan veteron? Ne, sed tamen nun mi estas konvinkita, ke ekzistas nenio, kio povus malkuraĝigi ilin. Rigardu ekzemple tiun ĉi beltalian brunjunulinon kiu apenaŭ povas eltiri siajn silke vestitajn piedetojn el la koto kaj tamen ŝia vizaĝo estas tre gaja kaj kontenta.

Kia bruo estas tie. Venu, ni vizitos plejfrue la inferan straton por vidi kelkajn spektaklojn. Mi vidas ĉi tie kvin cirkojn ni eniru en unu el ili. Aŭskultu, mi preferas tiun, kie ne estas la leonoj, ĉar ili rigardas min ĉiam tiel manĝavide, ke miaj haroj stariĝas pensante min esti sola kun la reĝo de la bêstoj, cetere ĵus mi aŭdis ke unu leono vundis petoleman infanon. Ne timu la leono estas en la kaĝo. Jes, sed se ĝi formanĝos la kaĝon kaj poste min. Ne babilu malspritaĵojn kaj rigardu tiun ĉi junan belrajdistinon kiel gracie ŝi rajdas. Jes ŝi rajdas tre lerte, sed pri ŝia juneco mi tre dubas, ĉar supozu, se mi aĉetus sapon, premus viŝtukon kaj trempus ĝin en la akvo kaj lavus ŝian vizaĝon vi eble ne dirus ke ŝi estas juna. Silentu jam kaj rigardu tiun ĉi akrobaton kiel movelasta li estas, oni diras ke li havas risortojn en la korpo. Jes vi povas esti prava kaj mi devas aldoni ke ju pli malsata li estas, des pli facile li moviĝas. Jen la ŝnurdancisto, vera unikaĵo, li marŝas pli sendanĝere sur la ŝnurego ol sur la tero. Ne mirinde, ĉar sur la tero li estas ĉiam ebria.

Amiko, ni foriru, ĉar mi timas, aŭskultu kiel furioze blekas la leono. Bone ni foriru.

Kiom da distraĵoj kaj monellogiloj. Mi volus resti ĉi tie, sed ni devas iri al la foirbudetoj. Atentu pri viaj poŝoj! Ne zorgu, oni nenion metos en ilin. Ĉu vi jam vidas tiun senfinan vicon da budetoj? Jes, ĝi estas vera paradizo, kiom da ornamaĵoj oni vidas ĉiuflanke. La «Pasarela» (vojtranspasejo) estas aliformigita je bela lumfontano. La stratoj estas superplenigitaj je ĉiuspecaj ornamaĵoj kaj kolorabundaj flagetoj. Miloj da elektraj lampetoj transformas malluman nokton en plejhelan tagon. Ĉiuflanke staras artstila budetaro sub kies tegmentoj gaje dancas ĉiu, kiu havas piedojn. Fraŭlinoj kaj sinjorinoj la plej ĉarmaj floroj el Andaluzio estas ĉi tie. Apud la ensorĉigaj brunulinoj, kies nigraj haroj kaj grandaj okuloj montras la kuraĝon kaj voluptemon, staras beltaliaj blondulinoj, kies bluaj okuloj atestas pri ilia dolĉa karaktero. Mankas al mi sufiĉa kvanto da adjektivoj

kiel ekzemple, ravobela, mirbela, ĉarmbela, superbela, aminda, admirinda, adorinda, bela, belega, rava, ensorĉiga, gracia, belkorpa, beltalia, belvizaĝa, grandokula, k. t. p., k. t. p., mi timas, ke la redaktoro forĵetos tiun ĉi manuskripton ĉar... ĉar... he, amiko, ĉu vi aŭdas? ĝi sonas kvazaŭ nia Esperanta himno ĉu ne vere? Ne diru kvazaŭ, ĝi estas vere nia himno, jen ni estas jam tuŝproksima apud nia esperanta budeto, rigardu kiel belege ĝi estas ornamita. Nia verda standardo, nia stelo, nia himno, nia lingvo, niaj gesamideanoj, ĉio nia, ĉu tio ne estas raviga? Vere ĉio estas tie admirinda kaj laŭdinda. Ĵus nia ĉarma samideanino fraŭlino M. Baturones finludis esperantan himnon kaj la laŭta aplaŭdado plej bone montras ŝian talenton. Nun oni dankas. Vidu sinjorojn Carrera, Castro, Martínez, Rufo kaj Valle kiel entuziasme kaj lerte ili dancas kun niaj ĉarmaj samideaninoj en naciaj kostumoj. Ni bedaŭras, ke tiun ĉi jaron pro la funebro mankas fraŭlinoj, Santaolalla, Alcaide kaj sinjoroj Soriano kaj Machuca kiuj estas gajaj kaj fervoraj pioniroj de nia lingvo.

Sur la trotuaroj svarme moviĝas multmilo da vizitantoj, kiuj haltas por vidi niajn gedancantojn kaj penas deĉifri niajn esperantajn afiŝojn. Aŭskultu kion diras tiuj du kamparanoj kiuj penas kompreni la esperantan surskribon... «Atentu tio devas esti, ke oni ne permesas fumi aŭ sputi ĉi tie...» «Sed ĉu vi ne vidas ke oni fumas ĉi tie... sekve ĝi signifas, ke oni ne akceptas trinkmonon ĉi tie...» «Ne babilu, mi opinias ke ĝi diras, ke kiu ne pagis, ne havas rajton por eniri... sed... ne sed...» «Sinjoroj! ne disputu, ĝi signifas ke ĉiu esperantisto estas bonvenata ĉi tie.» «Dankon sinjoro. Rigardu, ĉi tien alkuras iu entuziasma neesperantisto.» «Sinjoroj, sinjoroj... mi ĵus vidis en la artfajraĵo esperantan stelon ĝi estis verda kaj havis ses pintojn...» «Sed aŭskultu sinjoro, esperanta stelo havas sole kvin pintojn.» «Ne grave, mi diris al ĉiuj homoj ke ĝi estas esperanta stelo kaj oni ĝin kredis.»

Nun venas iu sinjoro kun papero kaj krajono en la mano, tio certe estas gazetisto... «Bonan vesperon gesinjoroj..., mi estas reprezentanto de gazeto.» «Bone, sufiĉas eniru sinjoro. Ĉu plaĉas al vi nia budeto?» «Tre bela kaj la fraŭlinoj estas veraj juveloj. Mi volus konvinkiĝi ĉu vi povas interkompreniĝi per tiu esperanto.» «Tre volonte ni pruvos ĝin al vi... S-ro Afrikano kaj S-ro Nordlandano venu ĉi tien, sinjoro gazetisto volas vin aŭdi paroli...» Post ne longe foriras la gazetisto tute konvinkita pri la praktikeco de esperanto. Li murmuras timeme: «Tiu lingvo estas kapabla interfratigi la homaron kaj fine mi estos ankaŭ devigata ĝin lerni. Mi aldonas jes, se ĉiu homo ĝin lernos ni neniam havos militon.»

*Babilulo*

---

# ALVOKO

Pro decido de propaganda Fako de Centra Madrida Grupo oni komencis gravan propagandon pri Esperanto ĉe la madridaj firmoj industri-komercaj; tial, estas vere utila, ke ĉiuj Grupoj kaj geesperantistoj aliĝu al ĉi tiu propagando, farante ĝin en iliaj loĝurboj. La citita Fako faras la propagandon same kiel en Anglujo kaj aliaj landoj per naŭlingvaj folioj petantaj la komercistojn kaj la industriistojn starigi sperante ilian interrilaton.

La Fako petegas al ĉiuj sciigojn pri la sukcesoj atingitaj per tia propagando.

La redaktado de tiu folio estas je la dispono de ĉiuj ĉe la Grupo. Adreso: *San Lorenzo, 15.—Madrido.*

Ĉi tiu folio naŭlingva eksterordinare sukcesis eksterlande.

*Propaganda Fako*

---

Semu agon kaj vi rikoltos kutimon; semu kutimon, kaj vi rikoltos karakteron; semu karakteron, kaj vi rikoltos destinon.

*H. P. Blavatsky*



ALCAZAR' ĈEFA PORTALO.—SEVILLA



ALCAZAR' SALONO DE «DOÑA MARIA DE PADILLA».—SEVILLA

# La folio de la Almanko

MALGRANDA RAKONTO

Malfeliĉa Juliano! Io timinda en lia koro devis okazi, do neniel povis deteni la larmojn kiuj senĉese alfluis al la okuloj, dum li subskribis; skribinte kaj ŝirinte multfoje (sen dubo, pro ne esprimi, kiel li volus, la ideojn kiuj bolis en lia menso), leteron por amiko la plej amata dum la infaneco.

Vane li penis sian ĉagrenon kvietigi, kaj sentis ke la sango tro alfluis al la tempioj kaj terura doloro senkompate turmentis lian animon, kvazaŭ fajra monstro alprenita al la koro.

Juliano sin kredis la homo plej malfeliĉa kaj nur liaj lipoj montris apenaŭ percepteblan rideton, kiam li vidis sian fratinon aperantan ĉe la pordo de la ĉambro, kiel la anĝelo de la espero, ĉarma infanino sesjara, kiun li amis freneze.

Lucio, tiel estis nomata la infanino, kuris ĉirkaŭpreni sian fraton, kiun ŝi multfoje kisis, kiel se volus tiel forigi la postsignojn kiujn la ploro estis lasinta sur lia vizaĝo. Poste, ŝi supreniris sur kanapo, sur kiu sidiĝis Juliano, kaj komencis ludi kun liaj haroj: oni pensus ke tiu anĝelo deziris eligi el la menso de sia frato, ian ideon, kiu lin turmentis; fine, post lin ŝmaci lastfoje elŝiris la folion de la almanako pendanta sur la muro, kaj diris al li, dum gaje ridis: —Atentu, Juliano, se ci min amas, faru al mi birdeton el papero.

Juliano estis dekdujara kiam li restis orfa; de tiam estis lia zorganto onklo lia, avara kaj despota, en kiu neniam oni vidis la plej sensignifan ampruvon, la sola feliĉo por li en ĉi tiu mondo estis lia fratino. Juna jam, li komencis rimarki sian grandan izolecon kaj fariĝis ĉiutage plej malkonfida kaj skeptika, ĉi tio ne estas strange, kiam infano kreskas for de la patrino kaj mankis al li ŝian zorgemadon.

Juliano eble pensis sin mortigi ne pensante ke li malbone agus tiel

«ve, de kiu sen patrino kreskas!
ve, de kiu, infano, ne preĝas!»

kiel diris la poeto.

Li kontente konsentis komplezi sian fratinon, kaj prenis la folion de la almanako; tiam oni vidis lin paliĝi kaj tremi kiel hidrargigita. Tiu folio al li rememorigis la daton en kiu mortis la adorita patrino; li ŝmacis Lucion, kaj diris al ŝi:

—Ne, mia anĝelo, el tiu ĉi folio tute ne, el alia.

Dum la infanino elŝiris la duan, legis la junulo la dorson de la folio, kiu diris tiel: «Kvankam malplaĉaj doloroj turmentus vian animon, aŭ nigraj ombroj malheligus vian menson, ne pensu pri memmortigo; antaŭ ol preni la hommortigan armilon... rememoru vian patrinon!»

Juliano kredis, ke la spirito de la adorinda patrino parolis al li per tiu papero kaj kriis, tute ploranta: «Ne, ne, mia patrino, revenas la espero al mia brusto, ĉar mi scias ke vi gardas vian filon!»

De tiu ĉi tago Juliano konservis, kiel belegan juvelon, tiun folion de la almanako.

*Alvaro López*
Pastro

---

LISTO DE MONDONACINTOJ POR STARIGI MONUMENTON AL NIA MAJSTRO

| | Pesetojn |
|---|---|
| Antaŭa sumo | 100,00 |
| S-ro Luciano Conde.—Zamenhofano el Vigo | 4,50 |
| S-ro Carlos Bosch.—Zamenhofano el Burgos | 2,50 |
| S-ro Juan Anguita.—Zamenhofano el Jaén | 2,50 |
| Sumo | 109,50 |

*(Daŭrigota)*

*Rimarkigo.*—Minimuma kotizaĵo *unu spesmilo* (2,50 pesetojn).

# La Grafoj de Palazuelos

(HISPANA LEGENDO)

**Originale verkita de *Julio Mangada Rosenörn.***

*(Daŭrigo)*

Tuj disvastiĝis ĉien la novaĵo rilatanta nia kavaliro; ke la Reĝo nomis lin Grafo de Palazuelos, ĉar li savis monaĥon portantan sanktaĵujon enhavantan dornojn el tiuj de la krono, kiu vundis la frunton kaj tempiojn de la Savinto, kaj ke pro tio estos grandaj festoj en Córdoba.

La bonsorta Grafo estis akceptata simpatie kaj respekte de la korteganoj kaj kordobanoj. Ĉi tio influis multe pri *Fátima*, kiu de tiam povis ĝui trankvilecon, ĉar ĉiuj sciis, ke la Grafo de Palazuelos estis protektanta ŝin.

Córdoba festis la okazintaĵon, kaj la Reĝo donacis al la Grafo multekostan kaj artan orskatolon enhavantan tri sanktajn dornojn, kaj multvalorajn riĉaĵojn, kiuj permesos al nia kavaliro armi lancoskadronon, sendi kurierojn sciigontajn la novaĵon al sia edzino, kaj kiuj rekrutigos kaj armos la bravajn, fortajn kaj entuziasmajn junulojn de lia amata vilaĝo.

Tuj, li, avida je gloro kaj por pruvi sian militlertecon, iris en la landlimon ataki la mahometanojn, kaj rapide li trafis venki multfoje la malamikojn. Tiel li akiris grandan famon kiel lerta kaj kuraĝa militisto eĉ inter la maŭroj mem.

La Reĝo rekompencis lin de nove, kaj nomis lin guvernestro de la urbo Atienza, grava fortikaĵo ĉe la landlimo de la Aragona regno, proksima je Palazuelos, kies mastrumadon Li donacis al la Grafo.

La Grafo ŝuldis preskaŭ tutplene sian militan sukceson al *Fátima*, kiu akompanis lin tra ĉie, ĉar ŝi, pro siaj rilatoj kun la maŭroj kaj kono pri la kamparo, multe helpis liajn planojn.

La regado de Atienza devigis la Grafon reveni al Palazuelos de kie li translokiĝis kun sia familio en tiun urbon al kiu donacis la Sanktaĵon, loĝante en la Kastelo, sin dediĉante de la unua momento plibonigi la staton de sia urbo kaj ĝiaj loĝantoj, organizi kaj instrui multenombran garnizonon por plej bone atenti la defendon de la landlimo ofte atakata de la aragonanoj.

Kiel antaŭdiris *Fátima*, kiu instruis sufiĉe science la gefilojn de la Grafo antaŭ sia morto, la Grafo mortis maljuna ĉirkaŭata de siaj karuloj, escepte Petro mortinta antaŭe; amata de siaj regitoj, timata kaj respektata de siaj kontraŭuloj.

Li estis la fondinto de nobelaro el kiu brilis lertaj kaj kuraĝaj kavaliroj, kiuj mastrumis kaj prosperigis multe la urbon.

## IV

Antaŭ daŭrigi ĉi tiun legendon, permesu ke mi ion diru pri Atienza, per kio oni povos kompreni kiel malavare la Sankta Reĝo rekompencis la servojn de la junkro de Palazuelos.

Oni supozas, ke Atienza estas la antikva *Tutia* aŭ *Tythia* de la celtiberoj, kiun poste nomis la araboj Atincia. La *tutianoj* estis partianoj de Sertorio kontraŭ Romo, kaj nur post longa kaj terura sieĝo atingis Pompejo almiliti ĝin. Alfonso III[a] realmilitis ĝin al la araboj je 877[a], sed ne definitive, kaj je 989 Almanzor renversis ĝiajn remparojn. Alfonso VI[a] estis kiu almilitis ĝin definitive je la jaro 1083[a].

Atienza ĉiam ludis gravan rolon pro sia strategia loko ĉe la landlimo de Kastilujo kaj Aragono. Tamen, kiam ĝi ekprosperis rimarkinde estis je la dua dekono de la XII[a] jarcento, kiam la Reĝo Alfonso VIII[a] donis al ĝi ĝiajn urboleĝojn kaj grandajn privilegiojn kiel rekompencojn pro la granda servo kiun faris al Li la atienzanoj dum Lia infaneco, ĉar en tiu epoko, la Reĝo de Leonlando, onklo de Alfonso, persekutis ĉi tiun por uzurpi Lian kronon, kion la Leonlanda Reĝo estus atinginta se mulistoj el Atienza ne estus savintaj la infanan Reĝon de Kastilujo, maskigante la infanon kaj konduk-

ante Lin libere en Avila'n. De tiam, ĉiujare, Atienza festas tiun ĉi okazintaĵon.

La distrikto de Atienza etendiĝis malproksimen; la urbo ĝuis voĉdonon en la nacia konsilantaro: ĝia blazono estis la reĝa blazono, kaj ĝia standardo flagris apud tiu de sia savito, Alfonso VIII[a], ĉe la memorinda batalkampo de la *Navas de Tolosa.*

De tiam, ĝis kiam rekomenciĝas ĉi tiu legendo, Atienza prosperis pli kaj pli. La urbo etendiĝis sur la tutan deklivon orientan de monteto kronata de sufiĉe ampleksa plataĵo roka sur kiu staris fortega kastelo preskaŭ nealmilitebla. De ĉi tiu kastelo eliris tri remparzonoj, el kiuj du dividis la urbon kaj la tria, flankigata de fortaj rondaj aŭ kvadrataj turoj, ĉirkaŭis ĝin. La garnizono estis multenombra kaj sperta, apartenintaj al ĝi multaj nobeloj kies familiodomoj ankoraŭ montras al la vizitantoj sur la fasadoj iliajn blazonojn.

La turoj de ĝiaj multenombraj preĝejoj atestis ĝian gravecon; en ĉefa preĝejo oni gardis la Sanktajn dornojn, kiujn donacis al la unua Grafo de Palazuelos la Sankta Reĝo, festante de tiam ĉiujare kaj tre solene tiun Sanktaĵon.

De la industria vidpunkto, Atienza tre floris pro la prospereco de la drapa industrio.

Ni rekomencu la legendon:

Dum la maltrankvila regado de Johano II[a] de Kastilujo, preskaŭ du jarcentoj post la unuaj okazintaĵoj de ĉi tiu legendo, la nobelaro ribelis konstante pro privatuloj kaj favoratoj al kiuj la Reĝo donis la regadon de la nacio, el kiuj nur la malfeliĉa Alvaro de Luna estis punata.

De tiu Reĝo diris historiisto: «Lia korpo estis altkreska kaj bela, blanka kaj rozkolora modere, blonda, kies sintenado estis majesta, iomete alta la nazo, verd-bluaj okuloj, iom klinita la kapo, manoj, kruroj kaj piedoj belaj. Li estis alloganta viro, sincera, tre sprita, fervora kaj kuraĝa. Li multe ŝatis legi la filozofojn kaj poetojn; li amis la Diaĵojn; sperta pri la latina lingvo, kaj entuziasme protektis la scienculojn: Li posedis multajn ĉarmojn naturajn. Li estis bona muzikisto kaj kantisto, tre bone dancis; pasie li ŝatis la ĉasadon kaj ĉiam li tenis bastoneton. Ne mankis al li kapablecoj de generalo, kaj li venkis la arabojn en la fama batalo de *Sierra-Elvira* aŭ *Higueruela.*

Estis granda domaĝo ke li ne estis pli bona reganto kaj politikulo!

Per iom pli da energio kaj karaktero, kaj pli da sperto por elekti siajn ministrojn, Li estus meritinta la nomon *Bona Reĝo;* sed Li malsukcesis pro tio kaj ŝtelis al Li grandan parton el Lia famo *Alvaro de Luna*, kiu kun granda kapableco por esti bonega ministro, estis danĝera reganto kaj fatala konsilanto.

En unu el tiuj konstantaj ribeladoj, la atienzanoj sin decidis favoraj je Johano de Navarra, kontraŭ sia reĝa Moŝto, kaj ruinigis vastan kaj fruktodonan kamparon.

La reĝo de Kastilujo decidis la atakon de Atienza kaj sieĝis ĝin per grava militistaro, kaj tial la Grafo de Palazuelos sin preparis kontraŭstari la atakon kaj sieĝon, preta morti antaŭ ol kapitulaci.

La sieĝo ne prosperis tiel rapide, kiel deziris la sieĝantoj, ĉar la defendantoj estis multenombraj, lertaj kaj kuraĝaj, kaj ili estis havantaj sufiĉegajn ĉiuspecajn provizaĵojn, kaj krom tio, la kastelo, sur granita roko, multe baris kaj malhelpis la rapidajn progresojn de la atankantoj. La Grafo, forlasinte la urbon, liberigis la atienzanojn suferi grandajn malfeliĉaĵojn.

Tamen, kiel diras la proverbo «fortikaĵo sieĝata; fortikaĵo kaptota». La sieĝatoj perdis soldatojn iom post iom, kaj ankaŭ iam nepre ili ne havos provizaĵojn.

Dume, la Reĝo mortigis sian enuon ĉasante, kaj la nobelaro en la kortego mem konspiris kontraŭ Li.

*(Daŭrigota)*

---

Inko de sciulo valoras pli ol sango de martiro.

*Mahomet*

(El *La spirito de l'Islam.*)

por mezuri azimutojn kaj zenitajn distancojn, *teodolito*.

Suprajo klinita al la horizonto, *dekliva*. Tre dekliva, preskaŭ vertikala, *kruta*. Tre kruta, kvazaŭ forŝirita, kvazaŭ fertranĉita, *abrupta*. Platajo abrupte limigita, kvazaŭ ŝtupo, *teraso*. Linio de la teraso ne ĝenerale plej supra, de kie oni vidas la tutan deklivajon, *spino*. Ebena tera areo, *kampo*. Bela, precipe kulturita, kampo, *pejzaĵo;* pentrinda pejzaĵo, *pitoreska*. Polvo, tero miksita kun akvo, *koto*.

Parto de la tera surfaco videbla de unu observanto, *horizonto*. Limo de horizonto kie la tero kaj la ĉielo ŝajnas kuniĝi, *horizonto*. Partoj de la horizonto: kie la suno leviĝas, E, *oriento;* kie ĝi kuŝiĝas, W, *okcidento*. Rigardante la orienton dekstre, S, *sudo;* maldekstre, N, *nordo*. La tera ekvatoro dividas la teron je du *hemisferioj;* kio rilatas la nordan hemisferion estas *boreala*, kio rilatas la sudan, *aŭstrala*. Proksime de la norda poluso, *arkta;* de la suda, *antarkta*. Landoj kiuj estas norden, suden, orienten, okcidenten, *nordo, sudo, oriento, okcidento*. Ilo konsistanta el magneta vergeto libere turniĝanta kaj ĉiam montranta per la pinto la nordon, *kompaso*. Loĝanto de la alia tera duonglobo, *antipodo*.

Aro da homoj loĝantaj la saman teritorion kaj havanta komunan devenon, foje komunan lingvon, *nacio*. Subdivido de nacio, *gento, la gento de Judo*. Linio apartiganta du najbarajn teritoriojn, landojn, *limo*. Granda limigita parto de la tero prezentanta apartan tuton, laŭ la loĝantaro, laŭ la politika vidpunkto, *lando;* alilandulo, eksterlandano, *fremdulo*. Ne fremda, *indiĝeno*. Kiu devenas el fremda lando, *ekzotika*. Popolo kiu ĉiam loĝis en sama lando, *aŭtoĥtono*.

Unuiĝo de popolo sub la sama sistemo de regado, *ŝtato*. Lando aŭ landaro havanta komunan registaron kaj leĝojn *regno*. Unuiĝo de kelke da ŝtatoj kiuj havas komunan registaron, sed konservas sian sendependecon, *konfederacio*. Parto de regno administrata de speciala reprezentanto de la centra registaro, *provinco;* provinco de Francujo, *departemento;* de Rusujo: *gubernio*. Parto de lando, de urbo, precize limigita kaj havanta unu estron (juĝan, polican, administran), *distrikto*. Svisa distrikto prezentanta propran registaron, kaj prezentanta sendependan federacian regnon, *kantono*. Administracia distrikto de la antikva Egipto, *nomaso*. Loĝloko, lando okupata de ŝtato aŭ de ĝiaj loĝantoj ekster la limoj de la patrujo, *kolonio*. Lando, urbo rilate al siaj kolonioj, *metropolo*. Ĉefa urbo de regno de lando, de provinco, *ĉefurbo*. Tuta lando, ekster la ĉefurbo, *provinco*.

Granda aro da domoj dismetitaj en stratoj, placoj, *urbo*. Parto de urbo, *kvartalo*. Ekstera parto de urbo, *antaŭurbo*. Domaro pli malgranda kaj simpla ol urbo, kaj loĝata nur de kamparanoj, *vilaĝo*. Araba vilaĝo konsistanta el tendoj ronde starantaj en kies mezo oni lokumas la brutaron, *daro*.

## ĈAPITRO III[a]

## METEOROLOGIO

Gaso kiun ni spiras konsistanta el N. kaj O., *aero*. Aero, gasoj ĉirkaŭantaj la teran globon, *atmosfero*.

Ilo por koni la premon de la atmosfero, *barometro*. Skribanta barometro, *barografo*. Movado de la aero, *vento*. Venteto, *brizo*. Subita kaj nedaŭra plifortiĝo de la vento, *skualo*. Vento kiu inter la tropikoj blovas periode kaj regule laŭ difinita senco, *trado;* azia trado, *musono*. Fortega vento kiu blovas sur la franca mediteranea marbordo, *mistralo*. Ekstreme forta vento, *uragano;* ventego malpli forta ol uragano, *ŝtormo*. Uragano en tropika lando marŝante antaŭen rapidege kaj turniĝante, turnoventego, *ciklono kirlovento*. Akva amaso levita de la maro pro turnovento kaj movata antaŭen kun granda bruo, *trombo*. Ilo por mezuri la forton kaj rapidecon de la vento, *anemometro*. Angulo entenata inter du el la tridek du direktoj alprenitaj de la maristoj por la kompaskarto, *rumbo*. Ilo kiu montras la direkton de la vento, *ventomontrilo*. Kurbo kiu trapasas ĉiujn punktojn de la tero kie la

atmosfera premo estas sama sammomente, *izobara.*

Densaj videblaj akvaj vaporoj sur la tero, *nebulo;* super la tero, en la supraj tavoloj de la aero, *nubo.* Sennuba, *serena.* Glaciiĝinta nebulo, *prujno.* Griza nubo kiu produktas la pluvon, *nimbuso.* Maldensa nubo, tre alta, *ciruso.* Blanka dika nubo kotonsimila, *kumuluso.* Tre densa kumuluso, *kumulusstratuso;* alia nubospeca, *stratuso.*

Fluidiĝinta akva vaporo falante teren, *pluvo;* glaciiĝinta, *neĝo.* Neĝero, flirtante en la aero kaj ne falante teren, *floko.* Pluvero, *guto.* Malgrandaj gutoj de vaporo fluidiĝintaj nokte sur la herbo, sur la floroj, *roso.* Glaciiĝinta roso, *prujno.* Ilo kiu ricevas la pluvakvon kaj ebligas mezuri la kvanton de pluvakvo falinta dum intertempo difinita, *pluviometro.* Ĉenerala subakvigo pro pluvego, *superakvego.* Malvarmo de tia grado ke ĝi solidigas la akvon, *frosto.* Varma vetero post frosto, *degelo.* Akvo aŭ alia fluidaĵo solidigita de la frosto, *glacio.* Pluvo preskaŭ glacia kiu falas en vintro kaj kiu glaciiĝas tuj kiam ĝi tuŝas iom, *glacipluvo; el glacipluvo rezultas tre glata glacio.* Glaciiĝinta pluvo falanta en grajnoj, *hajlo.* Vario de hajlo kiu falas je formo de tre malgrandaj grajnoj, *grajlo.*

Grandega fajrero produktata de la elektro de la nuboj, *fulmo.* Granda ruliĝanta bruo akompanata de fulmo, *tondro.* Lumo de la fulmo, *fulmobrilo.* Granda pluvo akompanata de vento, fulmoj, tondroj, *fulmotondro.* Metala vergo kiun oni starigas sur la supro de konstruaĵo por ŝirmi ilin de la fulmaj efikoj, *fulmoŝirmilo.*

Sepkolora arko sur la ĉielo dum la pluvo, refrakto de la suna lumo la tra pluvaj gutoj, *ĉielarko. Oni vidas ĝin ĉiam kun la suno dorsen.* Lumoj kiujn oni vidas foje sur aŭ super tombejo dum la nokto, *vagantaj lumoj;* gaso kiu kredeble kaŭzas ilin, *hidrogenfosfido.*

Nelongedaŭra atmosfera fenomeno, *meteoro.* Scienco pri meteoroj, *meteorologio.* Stato de la atmosfero koncerne ĝia temperaturo, malsekeco, ventoj, k. c. *vetero.* Bela, sennuba vetero, *serena.* Grado de la varmo, *temperaturo.* Ilo por mezuri ĝin, *termometro.* Divido de la termometra skalo, *grado.* Tutaĵo de atmosferaj kaj veteraj kondiĉoj de regiono, lando, precipe la temperaturo kaj malsekeco, *klimato.* Linio kiu trapasas la lokojn kie la meza jara temperaturo estas sama, *izoterma.*

Ombrelo por sin protekti kontraŭ la suno, *sun ombrelo,* kontraŭ la pluvo, *pluvombrelo.* Polvo, tero de vojo, miksita kun akvo, *kolo.* Ia kvanto da pluvakvo kiu ne fluas sur la tero, *marĉo.* Piedvesto plejofte kaŭĉuka kiun oni metas sur la ŝuoj por gardi la piedojn de la malsekeco, *galoŝo.*

## ĈAPITRO IV[a]

## POPOLOJ, RASOJ

Scienco pri popoloj, iliaj moroj, vivmanieroj, legendoj, k. c., *etnografio.* Scienco pri la homaj rasoj, *etnologio.*

Homo vivanta en tia stato en kiu ĝin kreis la naturo, sen kulturo, sen kvietaj moroj, *sovaĝulo.* Homo manĝanta homojn, *kanibalo;* kanibaleco, *kanibalismo.* Homo kruela, kun malkvietaj moroj, *barbaro. La barbaroj militas.* Barbaro detruanta monumentojn de la arto kaj scienco, *vandalo;* emo detrui ilin, *vandalismo.* Kvietigi la morojn, doni klerecon al barbaroj, *civilizi, kulturi.* Stato el tio kio estas civilizita, *civilizacio.* Antikva greka civilizacio, *helenismo;* specialisto pri helenismo, *helenisto.* Antikve greka, *helena.* Antikve romana, *latina.*

Homo kies haŭto estas nigra, *negra;* nigrulo, *negro.* Ido el gepatroj el kiuj unu estas blanka kaj alia indiana, *mestizo.*

Homo kies kranio estas sferforma, *brakicefalo.*

Homo kies antaŭuloj loĝas la landon de tempo nememorebla, *indiĝeno, aŭtoĥtono.* Popolo ne havanta konstanta loĝlokon, *nomado.* Ia vaganta popolo, *cigano.* Tiu, kiu ne estas el nia patrolando, *fremdulo.* Ido de Eŭropanoj naskita en Hindujo aŭ en hispanaj, portugalaj kolonioj de Ameriko, *kreolo.*

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

Solvoj de la juniaj hieroglifoj: *Interkonsento* kaj *Apostrofo;* de la Verba Literludo: *Penetri*, *Pentri*, *Penti*, *Peti*.

Sendis la solvojn S-roj. J. Comella, P. Naranjo kaj L. Rodríguez, el Vich, Jerez kaj Madrid.

## HIEROGLIFO

5 ε O

## SPRITLUDO

GRAMATIKA FINIĜO-IMAGPENSO'-NOMBRO

Legu dekstre maldekstren la tri ĉi suprajn vortetojn kaj vi ricevos

ADRESITAĴON

La solvoj en venonta numero.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj